# Kajeroj el la Sudo



BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)





Oktbro.Nov.Decbro 1990. Nº 8

*Kajeroj*
*el la Sudo*



BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)

Sidejo: Strato Sol, 75. E-41003 SEVILLA.-Hispanio.

Prezidanto: Manuel López Hernández
Sekretario: Francisco A. Antúnez Romero
Kasisto: Alberto Franco Ramirez

**Redaktoroj de la bulteno:**

**Antonio Marco Botella**
**Av.Compromiso de Caspe, 27/29.- 9ª. C.**
**50002-ZARAGOZA. (Hispanio).**
***
**Miguel Fernández Martin**
**C/Santa Genoveva, 58.-6ª.C.**
**28017-MADRID. (Hispanio).**

Kovrilo: Desegno de Doré.- "Kvazaŭ kontraŭ armeo, Don Kiñoto impete atakas ŝafinan gregon".

Enhavo:



**NOTO:Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.**

# Paroloj, Opinioj, Konceptoj

*Unu el la plej agrablaj viveroj de nia restado en Sant Cugat, kie okazis la ĉi-jara asembleo de Hispana Asocio de Laboristoj Esperantistaj (HALE), estis tiu vesperiĝo, kiam jam proksima la rendevua horo, kelkaj el ni, membroj de HALE venintaj el la plej apartaj regionoj de la iberiaj teritorioj, konversaciis pri la historia momento, kiun la homaro travivis post la renversiĝo de la Berlin-muro, kiel simbolo de disfalo de tiranaj reĝimoj. Temis pri unu el tiuj anonimaj minutoj, kiuj fariĝas neforgeseblaj: friska la brizeto kaj trankviliga la etoso nin karesanta kaj invitanta al serena kolokvo... Kaj, neeviteble, la konversacio ŝprucis kaj konkretiĝis pri la "socialisma sperto" ĵus travivita en la orient-eŭropaj landoj... Kelkajn el tiuj paroloj, opinioj kaj konceptoj, ĉar spegulantaj interesajn socipolitikajn vidpunktojn, jen ni plaĉe prezentas al niaj legantoj.*



*Ne, neniu el ni ĝojis pro la fiasko de proletara sperto (kvankam multaj el ni arde batalis kaj ofte sopiris al tiu fiasko, dum ĝi minacis la homajn liberojn). Tute kontraŭe, ni bedaŭris la nesukceson de laborista provo, dum ni kredis ĝin interesa progresema projekto celanta socion pli justan kaj liberan por la laboristaro. Malfeliĉe, tiu iluzio ne multe daŭris, kaj iom post iom sub pretekstoj tute ne praviĝeblaj, la tiel nomataj "proletaraj landoj" fariĝis en la realo policaj ŝtatoj, abomena karcero de homoj sen ia ajn rajto kaj libero.*

*Sendube, estas ankoraŭ tre frue por eltiri definitivajn konkludojn el tiuj densaj historiaj horoj, plenaj de socipolitika signifo, kiuj envolvis la lastajn indikitajn eventojn. Frue kaj malfacile estas opinii pri la kaŭzoj de la nesukceso de ĉi tiu socipolitika sperto, tamen ja plej simplas indiki certajn evidentaĵojn de ĉiuj agnoskitajn, escepte de la eternaj fanatikuloj, kiujn ni ĉi-sube mencias:*

*Fiaskis la blinda interpreto de la Marks-teorioj fare de la politikaj gvidantoj, kiuj faris el teorioj dogmojn netuŝe-*

*blajn, sen atenti, ke eĉ la plej perfektaj idearoj estas korekteblaj de la vivo kaj de la forpaso de la tempo. Kiam Lenin dum unu el la unuaj komunistaj kongresoj anoncis:"ke kiam la vojo trairota ne estas klara, oni devas nepre reveni al la principoj", tio, kion li fakte proklamis, estis religia agadprincipo, la dogmiĝo de la idearo de la partio, la neŝanĝebleco de eventualaj eraroj, resume la rigideco de politiko sensolva, sen futuro!*

*Fiaskis la malhumana politiko de nekontestebla povo; la fera disciplino aplikata al ĉiuj civitanoj, eĉ al nemembroj de la partio, absolute senhelpaj antaŭ ĉiopova ŝtato; la perdo de la intima privateco de la individuo, ne nur subpremata de maljusta leĝaro sed spionata de ŝtata polico, kaj ofte eĉ de la najbaroj mem. (Ankoraŭ mi rememoras mian viziton al orient-eŭropa esperantisto, kiu dolore konsilis min iri al la policejo kaj deklari mian loĝadon ĉe li, ĉar la "deĵoranta ulo de la domo sendube jam informis la policon pri tiu cirkonstanco"). Absolute netolerebla, kamaradoj!*

*Fiaskis la aplikado de politiko, kiu ignoris la laboristan popolon, ne respektema pri la fundamentaj homaj rajtoj de la individuo, kontraŭa al la liberpensado, al la liberesprimado, al la liberedukado, al la rajto de ĉiu homo al sia propra kulturo, eraro kiu favoris la kovadon de radikalaj naciismoj, kies fakturon la socio jam pagas kaj ankoraŭ altkoste pagos. Resume, fiaskis la tiel nomita diktaturo de la popolo, ĉar ne apartenas al la popolo reĝimo, kiu forprenas ĝian suverenan rajton libere elekti idearon, homojn kaj partion por sia memregado. Teorie, la granda eraro de tiu ĉi "socialisma sperto" estis la persista celo de la regantaj burokratoj por anstataŭigi la spontanan vivon per doktrino rigida el kazerno kaj per malhumana socipolitika agadsistemo. La ideologioj indikas la celojn. La popoloj, ĉiam pragmataj, decidas.*

*La kolokvo finiĝis nur, kiam la asembleo devis komenciĝi. Ankoraŭ la plej revemaj konversaciantoj volus plilongigi la temon: kiu estas ja la defio de nia epoko? Kiun novan vojon devos trairi la laboristaro? Ĉu sufiĉos la strebado de la laboristoj al la homaj rajtoj kaj demokratio? Mi esperas, ke en "Kajeroj" aperos iom post iom la opinioj de niaj legantoj...*

*Sur la firmamento palpebrumis la unuaj steloj...*

*La Redakcio.*

# Ne forgesindaj homoj.



LLUIS COMPANYS I JOVER.-

La 15an de Oktobro 1940, ĝuste antaŭ duonjarcento, estis mortpafita Lluis Companys en la kastelo-prizono de Montjuïc laŭ ordono de generalo Franco.

Progresema homo, direktoro de jurnaloj, advokato de persekutitaj sindikatistoj, plurfoje deputito, provincestro, unua prezidanto de la kataluna Parlamento kaj ministro pri maraj aferoj en la hispana registaro de Manuel Azaña (1933), li estis ankaŭ elektita prezidanto de la Ĝeneralitato de Katalunio en Jan. 1934, kies unuan registaron li aranĝis surbaze de maldekstraj partioj.

Companys estis arda batalanto jam kontraŭ la diktaturo de Primo de Rivera kaj pro tio enkarcerigita kun la laboristaj gvidantoj de C.N.T. en la kastelo-prizono "Mola" en Mahón. Fondinto de la kamparana asocio "Unió de rabassaires" kaj de la politika partio "Respublika maldekstro de Katalunio", li proklamis la Hispanan Respublikon (1931) de ĉe la balkono de la urbodomo de Barcelono sep horojn antaŭ ol tio okazis en Madrido. Post la triumfo de la dekstruloj en 1934 li proklamis la "katalunan ŝtaton de la federacia hispana respubliko", sed ĝi daŭris nur kelkajn horojn pro la interveno de la armeo. Pro tio li estis denove enkarcerigita en la punprizono de Puerto de Santa Maria, ĝis la triumfo de la Popola Fronto en la balotado de Februaro 1936 liberigis lin.

Post la malvenko de la respublikanoj en la intercivitana milito (1936-1939) Companys ekziliĝis en Francio, de kie li apenaŭ 20 monatojn poste, kaj, malgraŭ sia kondiĉo kiel politika rifuĝinto, estis liverita al la diktatoro Franco, kiu senprokraste ordonis mortigi lin.

Lluis Companys, prezidento de la Ĝeneralitato de Katalunio, estis grava batalanto por la konkordo inter la hispanaj popoloj, kaj mortpafita, precipe, ĉar li estis figuro de la maldekstro.

A.M.B.

# La defio de nia epoko



*Antaŭ miloj da jaroj, niaj antaŭuloj, ne loĝis sur la tuta surfaco. Ili estis malmultaj meze de ĥaosa virga naturo, en kiu unuj vivantoj sin subtenis nutrante sin per aliaj vivantoj en senhalta lukto por la ekzistado. Nenia konscia penso regis en la mondo, kaj niaj antaŭuloj estis submetitaj jen al la hazardo, jen al la supervivanteco de la malmultaj plej taŭgaj jen super ĉio alia al la neceso,ne ĉiam plenumebla.*

*En iu tago, kiu ajn el niaj antaŭuloj, ligis ŝtonon al bastono, kaj jam pli sukcese povis kontraŭbatali la aliajn konkurantajn bestojn. En alia tago, la homoj, ankaŭ lernis regi kaj eĉ produkti fajron. Tia, komenciĝis tiu suprenirado de la homo sur la vivskalo, kiu alkondukis al nia epoko. Nuntempe, en neniu loko de la mondo restas virga naturo kaj ĉiuj aliaj viv-estaĵoj, eĉ la plej sovaĝaj, restas submetitaj al la homo. Se niaj antaŭuloj per sia penso ne estus malkovrintaj ligi ŝtonon al bastono, nek la regadon de la fajro, nia planedo Tero ankoraŭ restus kun naturo tute virga en sia profunda sovaĝeco. Nenia konscia penso ekzistus en la mondo, kaj tiu restus ignorata de si mem.*

*Antaŭ proksimume dekmil jaroj, en iu regiono de la tiel nomata Malgrand-Azio, oni komencis bredi brutojn kaj kulturi la grundon. La homoj jam povis ĉesi esti vagantaj hordoj, nuraj ĉasistoj kaj rikoltantoj de sporadaj vegetaĵoj. La produktado permesis la multiĝon de la homoj, sed la grundo ne ĉie estas same fruktodona, kaj la homoj, venkinte la sovaĝajn bestojn, tamen restis reciproke sin alfrontantaj. Tiam komenciĝis la konkurado de unuj homoj kontraŭ aliajn. Iuj specialiĝis pri la uzado de la organizita perforto kaj venkis aliajn, kiuj devige devis subteni la venkintojn.*

*Tiam naskiĝis la ŝtato, la milito estis kutima kaj la socio disiĝis en regantajn kaj submetitajn klasojn. Ankaŭ tiam komenciĝis la historia epoko. La milito fariĝis la plej forta historia faktoro, kaj la socio, kompreneble, ne estis socia organizaĵo por la bono de ĉiuj, sed nur por la bono de kelkaj, la regantoj.*

*Ŝajnas, ke la socia problemo estas tre simpla. Tial, ke la socia organizaĵo estas fundamentita sur la perforto de minoritato super majoritato, oni povas kompreni, ke perforta ribelo de la majoritato facile venkus la minoritaton, kaj la socia konflikto de la submetiĝo de unuj al la aliaj solviĝos. Tia pensado pri perforta revolucio estis inaŭgurita de la Franca Revolucio. Sed la Franca Revolucio ne alportis tion, kio estis ĝia devizo: libereco, egaleco, frateco. Pli ol tion, ĝi alportis la ĝeneralan militservon. Se antaŭe la milito estis afero de reganta minoritato de feŭduloj, ekde la Franca Revolucio la milito fariĝis amasa, kaj estiĝis aliaj formoj de submetiĝo.*

*En la pasinta jarcento aperis du skoloj de revolucia socia penso. Iliaj ekstremoj estas reprezentataj per la perfortema anarkiismo kaj la marksismo de la proletara diktaturo. Sed la anarkiismo nenie venkis. Sen disciplinaj trupoj, la homamasoj estas venkitaj. Kun disciplinaj trupoj reaperas socioj bazitaj sur la perforto, ĉar la trupoj fariĝas la mastroj. Pri la proletara diktaturo, kvankam proletara ĝi restas estanta diktaturo. Nova reganta klaso aperas, kaj la majoritato restas, kiel ĉiam, submetita, ne nur materie, sed eĉ mense. La diktaturo, kvankam proleta, per si mem ne malaperas, kiel imagis Karlo Marks, kaj la socio kiel kutime gluiĝas pere de polico kaj militistoj. La perforta revolucio ne montriĝis taŭga por justigi la socion kaj disfalas en novan regantan klason kun majoritata submetiĝo. Eble, la sociaj aferoj, ne estas tiel simplaj kiel imagis la revoluciuloj de la pasinta jarcento. La socia kunvivado estas ja tre kompleksa, kaj en tio ankaŭ rolas la povemo, enradikiĝinta en la homa instinkto sen distingo de sociaj klasoj. Kiel fungoj sub abunda pluvo, la sociaj malekvilibroj pogrande reproduktiĝas kaj la rimedo de la perforto, ĉu individua, ĉu kolektiva, por perfektigi la socion, fiaskas.*

*Kaj en tiu rezonado ni alvenas al nia nuntempo. Ni povas difini ĝin per la malkovro de la atomenergio.*

*Se la malkovro de fajro impulsis la civilizacion ĝis nun, la atomenergio estas la signo de nova etapo en la civilizacio, kaj laŭ tiu nova cirkonstanco ni devas akordigi la penson. La milito kiel la plej grava historia faktoro, kiu karakterizis la historion ĝis nun, jam ne taŭgas. Atommilito malaperigos la homon kiel vivestaĵon. Ankaŭ oni ne povas certigi, ke novaj grandaj perfortaj revolucioj solvos la homajn kaj sociajn problemojn. La socia problemo ne ŝajnas solvebla per instinktaj pasiaj movadoj de homamasoj. Ili kondukas al totalismoj, ĉu nigraj kiel la faŝismo, ĉu ruĝaj kiel la stalina komunismo. La plej bona solvo sendube estas la klero kaj la mensa konscio. Ne strange, ke ĝis nun la historio disvolviĝis laŭ motivoj de partikularaj interesoj, meze de la fluo de hazardaj okazaĵoj. La homoj ne konsciis laŭ kolektiva amplekso nek laŭ homara, kaj devis ĝin suferi... La homo, ekde nun, devas krei konscie sian propran historion kaj ne plu nur ĝin suferi. La homo devas konsciiĝi, tiel same individue kiel kolektive, mondskale. La homo devas fariĝi la konscia faktoro,kiu elirante el la senkonscia naturo, povu ne nur sin regi konscie, sed ankaŭ konscie regi la naturon.*

*La civilizacio de la perforto, de la submetiĝo, de la socia dispartigo en kontraŭantajn sociajn klasojn; la socio ekspluatanta la naturon ĝis elĉerpiĝo de la naturaj riĉaĵoj kaj venenigo de la vivmedio ne plu povas daŭri. La homaj kaj sociaj problemoj fariĝis mondskalaj, kaj en tiu nova atomepoko la pasintaj ideologioj ne plu taŭgas. La problemoj estas tute aliaj kaj rapide internaciiĝas per la facilo de la interkomunikado. Ankaŭ ne estas solveblaj perforte, nek per impulsado de instinktaj pasioj. La afero sin prezentas sub neevitebla dilemo : aŭ ni, konscie,konstruas novan pli racian civilizacion aŭ ni ĉiuj malaperos. Tiel same kiel dinosaŭroj malaperis pro eniro en sakstraton sur la vojo de la vivevoluo, ankaŭ la faktoro inteligento en la mondo, entenata en la homa cerbo, povas erari sur la evolua vojo kaj eniri en seneliran sakstraton ĝis propra sin pereigo.*

*En tiu mondskala konsciiĝo konsistas la defio de nia epoko. Kaj en tio devige devas roli la esperantismo.*

*Giordano Moya.*

# La movado en kaj ekster Iberio

Barlaston.- SAT en Britio (SATEB), organizas jarkonferencon en tiu ĉi urbo, de la 12a ĝis la 14a de Aprilo 1991. Interesa programo. Hispanaj SAT-anoj interesataj bonvolu rekte skribi al nia k-ino Ethel Prent; 29 Farrance Road; Chadwell Heath. Essex. RM6. 6EB. Anglio.

***** ***** *****

Sant Cugat del Vallés.- Niaj filatelistaj k-doj ĝuis la okazon uzi la ĉi-apudan belan poŝtstampilon dum pluraj tagoj, okaze de la HEF-Jubilea kongreso okazinta en la pasinta monato Julio en la indikita urbo. Kiel niaj legantoj bone jam scias, HALE profitis saman kongresejon kaj ankaŭ samajn datojn por okazigi la ĉi-jaran asembleon de nia Asocio, jam recenzitan en la pasinta numero de nia bulteno.




***** ***** *****

Sabadell.- Kun bedaŭro ni legis en la numero 2 de "Iberio" artikolon insultantan SAT kaj SAT-anojn. Ni ankoraŭ ne bone komprenas, kial tiu malsaĝa homo R.D. insultis ĝuste la solan esperantistan kolektivon ĉiam sen erare batalantan kontraŭ la faŝismo. Ankoraŭ malpli ni komprenas, ke redaktoro, kiun ni scias honesta kaj kies idearon ni ĉiam respektis, publikigis tian aĉan kaj maldignan pamfleton kontraŭ homoj de la maldekstro. Ni, hispanaj SAT-anoj, esperas la koncernan publikan senkulpigon fare de kiuj intencas rompi niajn ĝisnunajn bonajn rilatojn kaj tamen, ĉiam civilizite elmetis siajn respektivajn ideologiajn diferencojn.

***** ***** *****

Renaskiĝo de Esperanto en Rumanio.- Je la komenco de tiu ĉi jaro renaskiĝis Rumana Esperanto-Asocio,ĝis tiam malpermesita de la diktatoro Ceaucescu. En la monato Julio pli ol 300 ge-esperantistoj partoprenis en Timisoara en la nacia Esperanto-kongreso okazinta en la Universitato de tiu ĉi urbo.

Laste ni ricevis en nia Redaktejo komunikaĵon pri la organizado de E-kursoj, inter ili pluraj en Oradea, kie multaj personoj lernas la lingvon sub gvidado de prof-ino Irena.

***** ***** *****

LINZ.- En tiu ĉi ĉarma urbo de la Supra Aŭstrio sukcese okazis de la 4a ĝis la 11a de Aŭgusto la 63a SAT-kongreso, kies preskaŭ 300 partoprenintoj aprobis jenajn publikajn notojn:

# *GVIDREZOLUCIO*

## *de la 63-a Kongreso de SAT*

***La 63-a kongreso de SAT :***

***- konstatas grandan kreskon de naciismoj en la liberiĝantaj popoloj de Sovetunio kaj Orienta Eŭropo kaj emon malintegriĝi en tiuj socioj kaj ŝtatoj.***

***- Samtempe konstatas, permanentan integriĝon en Okcidenta Eŭropo, rekreskiĝon de ties naciismaj problemoj kaj plifortiĝon aŭ renaskiĝon de faŝistaj tendencoj en multaj partoj de la mondo;***

***- Notas favorajn kondiĉojn por disvastigado de Sennaciecaj ideoj por paca evoluo en orientaj landoj, kie ekzistas granda danĝero de internaciaj konfliktoj kaj militoj;***

***- Rekomendas klerigadon de la novaj SAT-membroj, organizadon de regionaj SAT-arangôj kun invito de alilandaj SAT-anoj:***

***- Apogas interŝanĝojn de turismaj klerigaj SAT-grupoj inter diversaj mondpartoj;***

***- Instigas al kreado de SAT-amaskomunikiloj kaj entreprenoj en diversaj mondpartoj;***

***- Sugestas klerigadan informadon kaj instruadon al la laboristaro per Esperanto, por ke ĝi povu ĉiam havi sufiĉan kleron, laborsperton por ricevi libere bonsalajratan postenon kaj eviti senlaborecon;***

***- Invitas al sennacieca vivmaniero de la SAT-membroj: Turismo, laboro en diversaj landoj, internacia amikeco kaj arangôj, amasa cirkulado de eldonaĵoj, vojaĝantaj prelegantoj, informaj retoj;***

***- Esperas revigliĝon de la SAT-junulfako;***

***- Alvokas la SAT-membrojn kaj aliajn al financa subteno de la organizo lige kun ĉiam kreskantaj bezonoj pro disvastiĝo de nia movado en landoj kun transpagaj problemoj.***



# *DEKLARACIO*

***La 63-a Kongreso de SAT, okazinta de la 4-a ĝis la 11-a de aŭgusto 1990 en Linz, Aŭstrio, kun 292 partoprenantoj el 21 landoj, aprobis la jenan deklaracion:***

***- Konstatas ke ĉiuj ekstremaj, perfortaj kaj diktatorecaj (dekstraj, maldekstraj, religiaj aŭ aliaj) ideologioj kaŭzas la plej gravegajn turmentojn kaj mizerojn al la laborista klaso, ke ili, per siaj totalismaj agadoj, plej forte subpremas la popolojn kaj malebligas sukcesan socian evoluadon;***

***- Observas ke la disfalo de tiuj diktaturoj kontribuas al pli rapida socievoluo kaj plibonigo de la sorto de ĉiu homo.***

***- Salutas la emancipiĝon de la respublikoj en Sovetunio kaj de aliaj orienteŭropaj landoj kaj esperas ke aliaj landoj sub diktatoraj reĝimoj liberiĝos;***

***- Bedaŭras la ekaperon de novaj religifanatikaj diktaturoj en aliaj mondpartoj;***

***- Proponas daŭran subtenon al la tutmonda laboristaro por komuniki la bezonatajn informojn cele al progreso de la laboristaj movadoj per siaj disponeblaj rimedoj (amaskomunikiloj kaj internacia lingvo ESPERANTO);***

***La kongreso atentigas pri ĉiuj poluadoj kiuj grave endanĝerigas la vivon sur nia tuta planedo kaj apogas la ekologiajn agadojn.***

# La movado en kaj ekster Iberio

GIJON.- Okazis en tiu ĉi urbo la 3ª Astura Esperanto-kongreso, de la 12a ĝis la 14a de Oktobro 1990. Unu el la plej interesaj programeroj de la kongreso estis la prelego pri Federico García Lorca fare de la kunredaktoro de "KAJEROJ",k-do Miguel Fernández Martin, kies brila vervo denove entuziasmigis la ĉeestantaron. Substrekindas ankaŭ la prelegoj "Ĉu nova homa rajto?: la rajto je komuniko", originale kaj kompetente eldirita de Antonio Alonso Núñez, la HEF-prezidanto, kaj "El Esperanto y el Nuevo Orden Internacional de la Comunicación", hispanlingve, dokte kaj profesore malvolvita de D-rino Mª Rafaela Urueña. Aminda folklora vespero; plej vigla busa veturado tra la urbo; interesaj laborkunsidoj pri la problemoj de la esperantistaj Grupoj kaj pri la kunordigo de la tuta regiona movado.

Eĉ la vetero, per tiuepoke nekutima mildo, kunlaboris al la brilo de bone kaj saĝe aranĝita kongreso, kies partoprenantoj unuanime konfesis sin ravitaj de la programo, la ĉarmoj de la urbo kaj la simpatio de la astura samideanaro.

Entute, neforgesinda kongreso, cetere, abunde kaj favore heroldita de la regionaj amaskomunikiloj.

Niajn plej varmajn gratulojn, do, al la astura L.K.K.

***** ***** *****

Torrelavega.- En la sidejo de la "Ruĝa Kruco" de tiu ĉi urbo kaj organizitaj de samideano Thomas Ortiz, kursgvidanto en "Domo Kantabrio" de Madrido, komenciĝis Esperanto-kursoj partoprenataj de pli ol 40 gelernantoj kaj kungvidataj de José Mª Cortina Alberdi kaj granda promeso esperantista, samideano Enrique Ferrer. Perleteraj salutoj kaj sendo de esperantaĵoj al la ĵus kreita Grupo estos bonvenaj por kuraĝigi la novajn esperantistojn. Bonvolu skribi al: Esperanto Grupo Torrelavega; Apartado de Correos nº 10.- 39530 Puente de San Miguel. TORRELAVEGA. (Santander) Cantabria. ***** ***** *****

**Nia SAT-peranto Ramon Manau anoncas al ni la jarkotizojn por hispanaj SAT-anoj aplikendajn dum 1991: Plena jarkotizo: 2.200 Ptojn.-Emeritoj: 1.650,Ptjn Familiano, junulo, senlaborulo: 1.100 Ptojn. Nur "Sennaciulo": 1.750 Ptojn. "Sennacieca Revuo": 450 Ptojn.-HALE-kotizo por SAT-membroj kun "Kajeroj": 500 Ptojn.**

# Bonvolu ridi... sed ne tro.



Jen kurioza dialogo patrino-filo.-

-Mia kara patrino, mi ne volas viziti la Liceon! Mi havas tri gravajn motivojn por ne iri tien. Unue: matene,mi sentas min dormema. Due: la Liceo, tedas min. Trie: la knaboj priŝercas kaj primokas min.-

-Filo mia, jen aliaj tri motivoj ne malpli gravaj, por ke vi vizitu la Liceon. Unue: vi havas la devon ĉeesti tie ĉiutage. Due: vi estas 45-jara. Trie: vi estas la direktoro-.

*** *** ***

Alia suka konversacio:

-Atentu, panjo, mia redaktaĵo kortuŝis mian instruistinon!-
-Ho, filino mia!- respondis la patrino, -eble vi iĝos glora verkistino, sendube vi estas ja granda promeso de nia beletro!- diris ŝi entuziasmigita.
-Ne tiel, panjo kara- respondis la filino, -vi ne bone interpretis mian diron. Mia instruistino emociiĝis, ĉar ŝi diris, ke malfacile oni povas trovi pli aĉan redaktaĵon, do atentu bone, ĉar,se vi ne plibonigas viajn redaktaĵojn, certe vi ne atingos ian ajn gloron, kaj mi ne sukcesos trapasi la beletran temaron-.

*** *** ***

Stranga miraklo.-

La doganisto demandas al maljunulino, ĉu ŝi portas ion deklarendan.
-Nenion, sinjoro, nur botelon da akvo de Lourdes-
La doganisto, ne konvinkita, malfermas la botelon kaj flaras ĝin: -sed ĝi odoras same kiel konjako-. Kaj gustumante ĝin fojon post fojo, ŝerce, moke, daŭrigas sian komedian esploradon kun evidenta plezuro: -ho, jes, bongusta akvo kaj krome ankaŭ bonfara, ĉu ne sinjorino?, konfirmas la doganisto trinkante la konjakon.
La maljunulino, en embarasa situacio, ĉar ŝi ne povas konfesi sian mensogon nek lasi la doganiston plutrinki, deprenas de la funkciulo la botelon, ektrinkas kaj tuj krias: -ho, miraklo! la akvo fariĝis konjako, mi ja gardos la restantan,"akvon" kiel memoraĵon de tiom granda ĉiela favoro!-

Pri ebriuloj.-

Tri ebriuloj eniras en drinkejon, unu el ili tiel ebria,ke, antaŭ ol atingi la bufedon, li falas surteren. La kelnero demandas ilin: -Kion vi volas trinki?-
Unu el ili respondas: Ni, du glasojn da vino!-
-Kaj tiu sinjoro kuŝanta sur la planko, kion li trinkos!- demandas denove la kelnero.
-Li trinkos nenion. Li devas stiri!- serioze kaj firme respondas la ebriulo.

*** *** ***

Grava akcidento.-

Viro suferis gravan akcidenton, li estis preskaŭ platigita de pavimpremilo. Lia edzino alvenas rapide en la hospitalon - kaj angore demandas al flegistino:
-Kie estas mia malfeliĉa edzo?-
-Sinjorino, li okupas la ĉambrojn 23an,24an kaj 25an!-

*** *** ***

Ĝentileco.-

-Vi estas ja belega, kara Carmen!-
-Mi bedaŭras ne povi diri la samon pri vi- respondas ĝentile la alia.
-Nu, vere la solvo estas facila, faru kiel mi: ne diru la veron!-

*** *** ***

Pri malbona verkisto.-

Sensperta ne bona verkisto prezentas sian unuan dramon al recenzisto, kiu, atente leginte ĝin, opinias:
-La verko bezonas alian finon, la protagonisto devus morti per pafado anstataŭ per veneno-
-Kial, sinjoro?-
-Nu, ĉar tiamaniere la spektantoj certe vekiĝos!-

*** *** ***

Du meditemaj amikoj.-

-Estas ja mirinde, ke malgraŭ la grandegaj distancoj oni povas tiom multe scii pri niaj planedoj!-
-Laŭ mia opinio, diras la alia amiko, ankoraŭ estas pli mirinde, ke oni povas scii la nomon de ĉiu el ili: Venuso, Marso, Saturno, ktp.-

Kaj post la "profunda" penso de tiu ĉi lasta, oni povis vidi koloneton da fumo eliranta el lia kapo pro la granda penso-klopodo.¿?

Maria-Fernanda.

# Leteroj el niaj legantoj

*STOPU LAVANGON DA PSEŬDO-ARTIKOLOJ.*



*Mi plendas kontraŭ la ekscesa atento en la Esperanto-revuaro al la lavango da pseŭdo-artikoloj fare de Bernard Golden. Anstataŭ produkti mem valoraĵojn, li serĉas kontentigon por sia psiko pere de kritikoj al alies agado, negrave ĉu la kritikoj estas pravaj aŭ ne.*

*Mi listigos tie ĉi kelkajn erojn el tiu lavango: -Li maltimas ofendi la Prezidanton de la Akademio de Esperanto, ankaŭ la memoron de Tibor Sekelj kaj eĉ la junajn promesojn kiel Georgo Camacho-.*

*-Oftas mokoj pri la "mucida sliparo" per kiu li kvazaŭ pavimadas eĉ plej malgravajn aferojn-.*

*-Li, hungaro, nekompetenta pri la germana, maltimis diskuti kun germanoj pri la maniero germane diri "lifto".-*

*-Okaze de diskuto pri la duopo "ci/vi", li ne komprenas, ke li ne sukcesis prezenti eĉ unu solan argumenton; ke la maksimumo de li atingita estas asertoj kiaj "kaj tio estas finofara bato".*

*-Eĉ plie: ŝajne, Golden ankoraŭ ne scias ke en tiu diskuto rolas ne nur la kontrasto "respekto/familiareco" k.s. sed ankaŭ gardado aŭ eliminado de la kontrasto "singularo/pluralo".*

*Okaze de lia ofendo al la memoro de Sekelj, li pruvis ke li estas senscia eĉ pri jena kaj memkomprenebla fakto: ke laborado por Esperanto, aŭ por kiu ajn idealo, ofte kuntrenas personajn malavantaĝojn, kvankam por iuj malmultaj favoratoj de la dioj tio ne okazas, kaj eĉ povas helpi iliajn personajn karierojn.*

*En sia artikolo titolita "La signifo kaj historio de "riposti", kiun vi bonvolis publikigi, li ne rezistas la tenton mordi ies gorĝon, eĉ se la bazo por tio estas nura... tajperaro!. Kaj li tie naive konfesas tiun eron de sia psiko, ke li amas/emas/umas avide ĵeti sin kontraŭ ĉian "erar(et)on" negrave ĉu ĝi estas tajpa, komposta, lingva, koncepta, aŭ kia ajn. Ĉar plej evidente Golden ne estas lingva geniulo, eĉ ne lingva aŭtoritato, ŝajnas prudenta, ke li adekvate bridu sian skribemon, tiel ke la averaĝa valoro de liaj skribaĵoj*

*ne falu ĝis forĵetindeco. Se li tamen insistas, ke li volas igi nin perdi nian tempon...nu, ni por tio disponas adekvatan ŝirmilon, nome, la paperkorbon, kiu senkompate glutu ĉian senvaloraĵon.*

*Antonio Alonso Núñez HEF-ano nº 2.503)*

*** *** ***

Noto de la Redaktoroj.-

Al la Redaktejo venis pluraj leteroj de niaj legantoj, kiuj protestas kontraŭ la agresemaj artikoloj de S-ro Bernard Golden. Kelkaj el ili substrekas la lastan aperintan en "Kajeroj" Jul.Aŭg.Sept.90. Ĉiu el ili petas publikigon de la propra letero kaj reagon nian. Ĉiuj, escepte de unu, kiu skribas:"al mi multe plaĉas la artikoloj de Golden, kvankam mi agnoskas lian konfliktemon". Bedaŭrinde jen la sola frazo favora al li!.

El tiuj leteroj ni publikigas hodiaŭ nur tiun de S-ro Alonso, kiu, pli-malpli, esprimas argumentojn similajn al la ceteraj. Ni do petas la sendintojn de tiuj leteroj nepublikigitaj esti komprenemaj, ne nur ĉar aperigo de ĉiujne eblus kaj, krome, donus nenion pozitivan, sed, precipe, ĉar ni preferas meti finan punkton al tiu ĉi malagrabla temo. Niaflanke, ni jam decidis de la unua momento solvi ĉi tiujn problemojn, nepublike, per rekta korespondado kun S-ro Golden, do senkulpigu nin!.

La Redakcio.

***** ***** *****

# Administra angulo

Ni atentigas niajn eksterlandajn abonantojn kiuj ankoraŭ ne - pagis la kotizon 1990, ke ni ne plu sendos al ili nian revuon "Kajeroj", se ili ne pagas tiun abonon dum la unuaj tri monatoj de 1991 aŭ antaŭavertas nin pri eventuala prokrasto. La jarkotizo ankoraŭ estas 800 Ptoj.

HALE sendos nian revuon senpage, kiel ĝis nun, al nepagipovaj kamaradoj en la orienteŭropaj, afrikaj kaj sudamerikaj landoj. Kelkaj bonvolemaj k-doj de tiuj landoj proponis nin pagi per libroj: laste, k-do G.R.Ledon, el Brazilo,sendis al ni kelkajn librojn kun tiu celo. Dankon!

Rilate la jarkotizon por Hispanaj SAT-anoj kaj HALE-membroj: oni aprobis dum la pasinta Ĝenerala Asembleo starigi kiel minimumon 500 Ptojn jare.

# Korespondi deziras

29-jara bibliotekistino deziras korespondadi pri literaturo, geografio kaj turismo. Adreso: Iwona Broniewska, ul. Stalingradeka 20 m. 112, 03-468 Warszawa. Pollando.

***** ***** *****

Unika en la tuta Esperantujo: speciala Esperanta klaso por eduki geniulojn!. Dek du ĉarmaj okjaraj infanoj, jam famaj pro siaj elstaraj atingoj en la lernado de la lingvo kaj matematiko dez. kor. tutmonde. Adreso: Fondaĵo Talento.- Budaörs Pf. 102. H-2041. Hungario.

***** ***** *****

Stanislaw Roman; 05-400. Otwock. Varsovio. str. Waarszawska, 29 strkrytka pocztowa 1; postbox 1; Pollando. deziras korespondadi div. land. kaj interŝanĝi Esperantajn librojn.

***** ***** *****

12-jara rusa knabo dez. kor. pri gimnastiko, atletismo k.a. sportoj. Adreso: Maksim Jriuskij; Totmina 15-64.- 660115- Siberio. URSS.

***** ***** *****

Poŝtisto baldaŭ emerita deziras korespondadi precipe kun eŭropaj esperantistoj pri diversaj temoj. Interesatoj bonv. skribi al: Robert Arnaudet; 40, rue Ingres. 81000 ALBI.(Tarn) Francio.

***** ***** *****

46a SAT-Amikara kongreso okazonta de la 30a de Marto ĝis la 2a de Aprilo 1991 en Amboise (departemento Indre-et-Loire) Ĉeftemo: la ekologio en la Loiro-regiono. La infanoj ĝuos tre interesan programon. Komencantoj laŭ kvar niveloj pri Esperanto estos bonvenaj. La programo estas sufiĉe ampleksa: tre interesaj artaj kaj kulturigaj vizitoj. Popularaj kantoj, koncertoj, ktp. Interesatoj petu klarigojn al nia k-do:Gérard Rollin; 63 rue de la Republique. Chargé,37530-AMBOISE.Francio.

***** ***** *****

Murcio.- La Organiza Komitato de la 2a Kongreso de Valencia Esperanto-Federacio anoncas tre interesan programon okaze de tiu evento, al kiu estas speciale invitataj krom la esperantistoj de la regiono ankaŭ ĉiuj HEF-anoj. Informojn bonv. peti al: Loka Komitato de la 2a Valencia Esperanto-Federacia-Kongreso; c/Santa Teresa, 10, bajo A. 30005-MURCIA.Hispanio.50

***** ***** *****



# Kiu Kripligis la Kecalon?

*En sia artikolo "La U-hoko", Bertilo Wennergren atakas lingvan fenomenon en Esperanto, kiun li nomas "la ĝŭo-kŭo-ismo"(1). Inter la vortoj kaj propraj nomoj, kiujn BW aprobas kiel ekzemplojn de la "gvo-kvo-ismo"estas la substantivo "kvezalo". Ke li inkludis ĝuste tiun vorton en sia listo evidentigas, ke li ne ekzamenis la demandon pri asimilado de hispanlingvaj etimoj en Esperanto sufiĉe profunde. Pro tro da zeloteco konvinki aliajn, ke la prononco "gŭ/kŭ" ne estas uzenda en Esperanto, BW montras, ke li ne komprenas la funkcion de la litero "u" inter g/q kaj e/i en la hispana ortografio kaj fonetiko.*

*Inter la vortoj listigitaj de BW por apogi sian tezon, pluraj estis formitaj surbaze de hispanlingvaj etimoj, sed ne ĉiuj apartenas al la sama kategorio. Tion ne konstatis BW, kaj same eraris ankaŭ aliaj esperantistoj, kiuj en diversaj tempoj kaj lokoj asimilis tiujn hispanajn vortojn kaj proprajn nomojn. La rezulto estas la kaoso, kiu nun ekzistas sur tiu tereno de la Esperanta leksiko. Mi ekzamenis ne nur la "kvo/kŭo -gvo/gŭo"-demandon sed la problemojn rilatantajn al ĉiuj aspektoj de la hispanlingva fonetiko kaj ortografio, por provi starigi gvidliniojn aŭ principojn ebligantajn sisteman kaj racian esperantigon (2). Ankaŭ en la Akademio de Esperanto mi argumentis por simila traktado de leksika materialo devenanta de aliaj etnolingvoj, sed ĝis nun mi ne ricevis kuraĝigan apogon favore al tiu esplorado. Sekve, nekonsekvenca vortformado persistos en la dua jarcento de nia lingvo, ĉar ne estas iu maniero malhelpi kaprican esperantigon laŭ la bontrovo de aŭtoroj kaj redakcianoj.*

*Ni revenu al la kecalo. Ĝi estas la nomo de unu el la plej belaj birdoj en la mondo pro sia gracia longa vosto. En legendoj de la indianoj de Mezameriko ĝi estas nomata "birdo de libereco" kaj pro tio ĝi fariĝis la nacia birdo de Gŭatemalo. En la blazono ĝi sidas sur skribrulaĵo portanta la daton de sendependeco de la lando. La hispana nomo de la birdo, quetzal, estas ankaŭ la nomo de la monunuo de Gŭatema-*

*la. La nahŭatla vorto quetzalli signifas multvaloran plumon.*

*Bedaŭrinde, iu kripligis la nomon de tiu birdo en Esperanto, kun la rezulto, ke ĝi ricevis la orelagacan kaj okuldoloriga formon "kvezalo", kiu estas registrita en la Suplemento de Plena Ilustrita Vortaro (PIVS) kaj troviĝas ankaŭ en la artikolo de BW, citita ĉi-supre. Kiel povis okazi tiu leksikografia atenco kontraŭ la birdo, kies ĝusta nomo aperis en PIV kaj ankaŭ en pli frue eldonitaj Esperanto-vortaroj? Jen la dokumentaĵo.*

*a. Grand Dictionnaire Espéranto-Français (G.Waringhien,1957)*
*b. Esperanto-Bulgara Vortaro (Sarafov kaj aliaj, 1963).*
*c. Lexicón Sopena (Paluzie-Borrell, 1967)*
*ĉ. Plena Ilustrita Vortaro (1970)*

*Plue, "kecalo" kiel la nomo de la monunuo de Gŭatemalo estas uzata en Poŝatlaso de la Mondo (1971) kaj en Praktika Poŝkalendaro, publikigita ĉiujare de la magazino Monato.*

*La anstataŭanta formo "kvezalo", registrita en la Suplemento de PIV (1987) ne estas pravigebla fonetike. La hispana ortografio montras, ke la nomo devenas de la nahŭatla lingvo de Mezameriko. La unua silabo que estas prononcata ke. La funkcio de la litero "u" en la hispana ortografio estas konservi la velaran sonon de la unua konsonanto antaŭ "e". (Antaŭ la vokaloj "a", "o" kaj "u" la litero "c" estas uzata anstataŭ "qu".) Nesciante tiun regulon, multaj homoj prononcas que kaj ankaŭ qui kiel "kŭe/kve" kaj "kŭi/kvi" respektive. En Esperanto la "v" sono estis altrudita al jenaj tri pli fruaj formoj:Torkvemado (Torquemada), pulkvo (pulque), Kvito (Quito). En PIV la du propraj nomoj havas la ĝustajn formojn "Torkemado" kaj "Kito", dum la meksika drinkaĵo estis plisimpligita al "pulko" anstataŭ la ĝusta "pulkeo".*

*La dua silabo, kiu portas la akcenton en la hispana vorto quetzal, enhavas la literon "z", kiu en Hispanameriko estas prononcata kiel "s", ne kiel "z". Sekve, la sola ĝusta maniero esperantigi quetzal estas per "kecalo", ĉar que="ke" kaj tz="ts"="c". "Kvezalo" estas kripligita abomenindaĵo!*

*Notoj.-*

*1) Bertilo Wennergren. La U-hoko. Literatura Foiro.1989,aprilo. 118: 8-12.*

*2)Bernard Golden. Principoj por la esperantigo de hispanlingvaj vortoj kaj propraj nomoj. Pĝ. 235-257 en Serta Gratvlatoria in honorem Juan Régulo. Vol. II:Esperantismo. La Laguna: Universidad de La Laguna; 1987. 790 pĝ. Vd. §6.2.4.*

*Bernard Golden*

*****     *****     *****

# El aktuala liriko

*MIA AMIKO.-*

Galopis, galopis mia ĉevalo
tra naú vilaĝoj al la deka
kaj flirtiĝis ĝia kolhararo
al mia junulino kara.

La distanco degeliĝis kiel glaciaĵo.
La dorson ondomovan mi elprovis
kaj fajrantaj hufoj kiel fabelaĵo
la koron junulinan kaptis.

Vi kun ventegoj konkuris,
ne haltigis vian galopegon la bariloj.
La okuloj saĝaj la distancojn trinkis
kaj satigis la soifon al vastaĵoj.

Ho, aliiĝis tio jam en sonĝo kara
l'epoko aroganta kaj kaprica
por vi senkore ekregis
kaj mian trezoron do forrabis.

Jam via heno ne alvokas,
ne akiras mi vian ravimpeton;
via kolharar' ne kuraĝigas,
ne karesas la rajdanto vian kapon.

Reeĥiĝas via nomo-legendo.
La nepo mia ĝoje vin vivigos
en la silentiga stalo kaj kamparo...
La hufofero de l' feliĉo esperigas.

Bulgario.     N.R.Nejkov.

# El aktuala liriko:

TARDE...



Mi venos tarde.
Mi volas ĝui l' nokton, plejan mion.
Bulvarde
sin banu mia korpo
sub volbo stelo-fola
per la magi' de freŝa nokto frua.
Horo dekdua.
El strat-lanternoj sinkas
surkapen lum-pulvoro.
Ĉe l' foro
hundaro bojas,
dum mi alvojas
al vi paŝo-post-paŝe
sub ĉiel-ark' el estingitaj sonoj,
ebria
je nokt-aromoj,
via,
kun dezir-mar'frapanta en la ventro.

Mi venos tarde,
ĉe la momento, kiam,
tra lumoj kaj tra ombroj,
la brustoj iĝas nestoj de kolomboj
en flugilad' senorda,
kiam esperoj hajlas,
kiam spiraĵoj fajras,
kaj l' korpoj estas nodoj de planedoj,
la haútoj, konduktiloj de tremetoj,
la vejnoj, kaŝaj dratoj de delicoj,
la lipoj flagras arde.
Tarde
mi venos min elverŝi via-kosmen.

Kaj post ol la anheloj,
plenbuŝoj da plezuroj,
disŝiros silent-retojn sendefendajn,
kaj post ol mil susuroj
modulos pene vortojn nedirendajn,
post ol la seksoj preĝos

sennombrajn litaniojn intermite,
en punkton,
punton,
puton
kaj absolutan mondon transformite,
post ol la gazoj brumaj,
plumaj,
de universo el envultaj veroj
descendos koton-floke
tapeti niajn haútojn per prujneroj,
inter littukoj ĝue dissolvitajn,
kaj via okul-paro...kaj la mia
ekbrilos laú scintilo harmonia,
elglitos nia nokto tra la pordoj,
kaj pac-akordojn
la koko kokerikos
en frua maten-horo,
ke dormu nian dormon la aúroro.

Miguel Fernández Martín.

***** ***** *****

# Lirikaj paĝoj.

PRI LA ANGOR' SONORA.-

Angore,
angore fora.

Fore
de la nektar' amora,
skvare,
odoras mi dolorojn
kaj amarojn.

Min mare
erodas la stertoroj
de niaj amo-jaroj.
Kaj rore
la rememoroj
elrodas mian koron,
min forvoras.

# Lirikaj paĝoj.



Langvore
la vesper-horoj
korodas mian ploron,
min traboras.
Kaj la aúror'purpura
terure kaj terore
kolorojn akaparas,
dum mi, angoro pura
obskure kaj angore,
ho ve!, angore, fore
de vi
dolore,
rore,
plore,
skvare,
mare
kaj amare
vin avaras.

*Miguel Fernández Martin*

***** ***** *****

Noto de la Redakcio.- Konsternite ni rimarkis post la apero de la 7ª numero de "Kajeroj" plurajn komposterarojn en ĝi. Speciale bedaúrindas tiuj okazintaj en la poemo "UNIKA AMO" de nia ŝatata k-do Miguel Fernández. Eraro en poemo estas duoble bedaúrinda, ĉar, krom la perdo de signifo, aldoniĝas la perdo de ritmo. Kiel grandparte el vi sendube jam konstatis, la aludita poemo konsistas el ses okversaj grupoj, kaj la kompostisto forŝtelis unu verson en la kvara kaj alian en la sesa. La 4ª grupo kompleta devas diri:

Vi,
ho akvo,
basena akvo, : (tiu ĉi verso malaperis)
stompita virin-bildo,
ondanta revo fine fakta!,
min vokis al la plej perfekta amo,
al la plej dolĉa kuplo sube de la luno,
al la krozad' plej karna sur volupto-ŝip' sen rudro.

Sama eraro okazis en la 6ª grupo, kiu fakte devas diri:

Mi,
ho akvo,
amata akvo!, :(Malaperis tiu ĉi verso)
vin kovris per viv-roso
inter flustrado kolumbuma
laú la iro-reven' konstelacia,
kunligis milojn da jar-centoj kaj neebloj
en la eterna horo de la plej unika amo.

NI PETAS SENKULPIGON!

# La unuaj hispanaj esperantistoj



Kun evidenta plezuro mi legis en la 142a numero de la organo de la Valladolida Esperanta Grupo kelkajn komentojn pri la naskiĝloko de la unuaj hispanaj esperantistoj: S-roj Joaquin de Arce Bodega kaj José Rodríguez Huertas, faritajn de la direktoro de la Hispana Esperanta Muzeo en Sant Pau d' Ordal, nia bona amiko Lluis Hernández Izal.

Por kompletigi tiujn komentojn kaj la parton de la publikigita "Antaŭparolo" al la Gramatiko (1890) de Rodriguez Huertas verkita de la aŭtoro mem, mi aldonas jenajn precizigojn pri la temo:

a) En ĉiuj dokumentoj kiujn mi legis pri la fondinto de la unua Esperantista Grupo en Hispanio (1891), ankaŭ verkinto de la unua lernolibro (1890), José Rodríguez Huertas aperas kiel Malagano; tamen mi ankoraŭ ne povas dokumente certigi tion. Estas vere ke li, dum longa tempo loĝis en Malago.
b) Oni ne povas diri la samon pri la unua hispana esperantisto S-ro Joaquin de Arce Bodega, ĉar en mia arkivo estas fotokopio de la baptodokumento de Don Joaquin: Li naskiĝis la 21an de Novembro 1845, kaj liaj gepatroj estis José de Arce kaj Maria Braulia de la Bodega. Li estis baptita la 23an de la samaj monato kaj jaro de lia naskiĝo, en la preĝejo "Santa Maria",de Barrena de Ciervo, juĝo-distrikto de Entrambasaguas, provinco Santander.

c)En alia oficiala dokumento (ankaŭ en mia arkivo) ĝuste en la petskribo de S-ro Arce Bodega al la Prezidanto de la Senato, por okupi postenon kiel helpanto-oficisto en la Sekretariejo de la menciita institucio,- tiun postenon li efektive okupis antaŭ ol fariĝi ĉefbibliotekisto- oni konfirmas la diritan naskiĝlokon. En tiu sama dokumento oni povas legi, ke la subskribinto de la petskribo, t.e. S-ro de Arce Bodega, havis la Abiturientan priartan titolon de Teologia Fakultato, kaj ankaŭ pri liaj plenaj studoj kiel Licenciulo pri Filozofio kaj Beletro. Do, la duboj pri la naskiĝloko de S-ro Joaquin Clemente de Arce Bodega restas definitive forigitaj, kiel mi povas atesti.

En mia opinio estas grave, ke de tempo al tempo, ni, esperantistoj, okupiĝu pri la historio de nia propra Movado, kiu, ĉar jarcenta, ju pli da tempo forpasos,des pli da malfacilaĵoj prezentos en priesploraj taskoj.

Mi dankas al S-ro Hernández Izal pro lia artikolo, kiu donis al mi la okazon post la publikigo de mia verko "Analoj" pri ĉi temo, eniri denove en la problemojn de la prihistoriaj laboroj kaj, kial ne? profiti la cirkonstancon instigi studemulojn kaj fakulojn enprofundiĝi en ĉi tiujn temojn, ĉiam speciale pasiigajn.

A.M.B.

